TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

**Prezidanto** – Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio, ORF, Poŝtfako 700, A – 1041 WIEN, Aŭstrio.

**Vicprezidantoj**: Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR 226614, RIGA – 14, ul. Ostrovskogo 4 – 4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 ROSENBACH, Untergrabandorf, FRG.

**Ĝenerala sekretario** – Donĉo Ĥitrov, 1000 SOFIA, ul. Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

**Sekretario-kasisto por la okcidentaj landoj** – D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, CITADELLA (Padova), Italio.

**Membro de la estraro** – Olaf Thormodsen, Box 59, 595501 HAUGESUND, Norvegio.

Red. „INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: **Ĉefredaktoro** – Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario; tel. 56-58-77

**Redaktoroj**: Nikola Aleksiev, Donĉo Ĥitrov

**Teknika aranĝo**: Veneta Baleva, Evgeni Georgiev

**Administranto**: Verka Ŝtajner

## ENHAVO DE N-RO 4 – 1985



**Sur** la unua kovrilpaĝo: 23-a **Sesio** de la **Ĝenerala Konferenco de UNESCO. Parolas Amadou Mahtar M'Bow, Ĝenerala Direktoro de UNESCO.**



**FELIĈAN NOVJARON! LA ESTRARO DE TEĴA KAJ LA REDAKTOROJ DE „INTERNACIA ĴURNALISTO" ELKORE GRATULAS ĈIUJN MEMBROJN DE LA ASOCIO, LA ILEF-anojn KAJ LA LEGANTOJN DE NIA ORGANO KAJ BONDEZIRAS AL ILI SANON, FELIĈON KAJ SUKCESOJN EN ILIA ĴURNALISTA LABORO. ESTU PACA KAJ SUKCESPLENA LA NOVA 1986!**

**Karaj TEĴA-** kaj ILEF-anoj! Por pli riĉenhava kaj interesa **„INTERNACIA ĴURNALISTO"** aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon!

## GRAVA KULTURA EVENTO EN SOFIO

### Plensukcesa 23-a Sesio de la Ĝenerala Konferenco de UNESCO

UNESCO estis fondita post la detruiga Dua Mondmilito por serenigi la multsuferintan homaron, por servi al la paco kaj homa sekureco, por disvolvi la internacian sciencan kaj kulturan evoluon kaj kunlaboradon en paco, defendante samtempe la homajn rajtojn kaj homan dignon. Kaj ĝi inde plenumas siajn taskojn.

La Organizaĵo unuigas la fortojn de 160 landoj - membroj kaj kontribuis por la plifirmigo de la internaciaj penoj en la sferoj de la kulturo, scienco, klerigado, informado ktp. Kaj kiam oni komencis eldiri sian kontenton pri ĝia homama aktivado, iuj okcidentaj registaroj komencis ataki ĝin, ke bremsas iliajn malhumanajn agojn en la homeksplutado, alfrontas la imperiismajn informpretendojn, la subpremadon de la landoj en Afriko, Azio k. a. Eĉ Usono eksmembriĝis kaj eliris el UNESCO.

Dum 31 tagoj de la 23-a sesio de la Ĝenerala Konferenco de UNESCO en Sofio la reprezentantoj kaj gvidantoj de la delegitaroj libere, trankvile kaj konvinke esprimis la komunan opinion, ke UNESCO multon kontribuis kaj daŭre kontribuas al la streboj de la popoloj de la terglobo vivi kulture, labori trankvile kaj sendepende de siaj rasoj kaj haŭtkoloroj. La Ĝenerala Konferenco kunsidis en la granda belaspekta kaj moderne ekipita kulturpalaco en Sofio.

Dum la diskutoj oni tuŝis plej serioze ankaŭ la problemon pri la libera informagado de ĉiuj landoj, de ties amaskomunikiloj. Oni protestis kontraŭ la penoj de diversaj novaĵagantejoj, radio- kaj televidkompanioj kaj eldonejoj de okcidentaj monopoloj altrudi superregadon. Per faktoj la reprezentantoj de multaj ekskoloniaj landoj demaskigis la kulturan kaj amaskomunikilan agadon de iuj okcidentaj industriaj landoj.

Fine la Ĝenerala Konferenco de UNESCO akceptis unuanime, post disputoj, plurajn rezoluciojn pri la estonta agado. Oni akceptis: Alvokon por ĉiuflanka subteno de la unuiĝo en ĝia plua aktivado, rezoluciojn pri la kontribuo de UNESCO al la festado de la 40-a jubileo de la Organizaĵo, por la antaŭstranta jaro de la paco, por defendo de la homaj rajtoj kaj likvido de la koloniismo kaj rasismo. Voĉdonitaj estis ankaŭ rezolucioj pri ekonomia helpo kaj disvolvo de la klerigado, scienco kaj kulturo en la postrestintaj landoj. Oni akceptis rezolucion favore al Esperanto (dua laŭvice post la rezolucio de 1954 pri Esperanto).

Pluraj reprezentantoj de landoj eldiris sian kontenton kaj dankojn al la bulgara registaro kaj Ŝtata Soveto de PR Bulgario, kaj speciale al ties prezidanto, al sofianoj pro ilia gastamo, afableco kaj helpemo, kontribuintaj al la brila sukceso de la 23-a Sesio de la Ĝenerala Konferenco de UNESCO. Kun entuziasmo oni bonvenigis la raporton kaj eldirojn de la ĝenerala direktoro de UNESCO Amadu Mahtar M' Bow pri la bulgara popolo kaj ĝiaj ŝtatgvidantoj, kiuj multon kontribuis al la UNESCO-agado kaj ties sesio. M' Bow parolis pri la signifo de Esperanto kaj donis intervjuon antaŭ reprezentantoj de la amaskomunikiloj pri la Internacia Lingvo.

Ivan ESPEROV

## „NIA GRANDA TAGO EN UNESCO..."

La esperantistoj el la tuta mondo memoros la XXIII Sesion de la Ĝenerala Konferenco de UNESCO, okazintan en Sofio (8.10 – 12.11.1985) precipe pro la fakto, ke en ĝi por unua fojo post 1954 oni denove parolis pri Esperanto. La Konferenco akceptis rezolucion pri la Internacia Lingvo Esperanto, proponitan de s-ro Tibor Sekelj, observanto de UEA en la Sesio.

Lige kun tiu grava sukceso favore al Esperanto mi havis la plezuron intervjui s-ron Sekelj:

**– S-ro Sekelj, ĉu la delegitoj de la Konferenco de UNESCO facile konsentis aprobi vian proponon pri akcepto de Rezolucio favore al Esperanto?**

– La 1-an de novembro 1985 la ĝeneralan kunsidon gvidis juna belgo. Vi ja scias, ke Esperanto estas tre populara en Belgio. Li deklaris, ke ĉiuj ĉeestantoj estas konvinkitaj pri la celkonformeco de la rezolucio. Neniu en la salonego kontraŭstaris aŭ faris iujn ajn rimarkigojn. La propono pri rezolucio farita flanke de la jugoslava delegitaro estis akceptita unuanime. Anticipe ĝin aprobis la delegitaroj de Bulgario, Pollando, Hungario, Ĉinio, San Marino kaj Kosta-Riko dank' al anticipaj kontaktoj kun la delegitaroj de tiuj landoj. Mi havis renkontiĝojn kun pli ol 70 delegitoj de la Sesio. Favoran etoson por akceptado de la rezolucio preparis ankaŭ la E-asocioj en iuj landoj, kiuj sukcesis starigi kontaktojn kun siaj naciaj delegitaroj en la Sesio de UNESCO. Tiu estas la ĝusta vojo por popularigo de la E-movado kaj por varbado de novaj amikoj de la Internacia Lingvo inter funkciuloj de UNESCO, por krei kaj profundigi niajn kontaktojn kun la koncernaj naciaj komitatoj pri UNESCO.

**– Dum via restado en Sofio vi estis akceptita de la Ĝenerala Direktoro de UNESCO s-ro Amadou Mahtar M' Bow. Bonvolu rakonti al ni pri tiu renkontiĝo.**

– Ĝi daŭris ne pli ol dek minutojn. Mi dankis al s-ro M' Bow pro lia favora eldiro pri Esperanto en lia intervjuo antaŭ la Bulgara Televido. S-ro M' Bow respondis, ke li faris tiun eldiron profunde konvinkita pri la utila agado de la esperantistoj. „Ĉar, – li substrekis – ili sukcesis krei humanan movadon, kiu servas al la homa interkompreniĝo.

Mi donacis al s-ro M' Bow du miniaturajn libretojn – ĉiu el ili centpaĝa. En cent lingvoj en ili estas skribita la vorto „paco". Sed sur ilia helblua kovrilpaĝo tiu vorto estas skribita en Esperanto. La malpli granda el tiuj libretoj havas dimension 15x15 mm!...

**– Vi certe jam estis en Bulgario. Kia vi trovas ĝin ĉi-foje?**

Mi ligas mian viziton precipe kun la sukceso, kiun ni atingis por la afero de Esperanto en la XXIII Sesio de la Ĝenerala Konferenco de UNESCO. Sed mi ne forgesos vian Nigran Maron, la belan Plovdiv, kies malnovan parton mi ege ekamis. Min forte impresis Veliko Târnovo per siaj situo kaj historiaj monumentoj. Originala estas la arkitekturo de la nova urba centro de Smoljan. Belaj estas la hoteloj kaj ripozdomoj en Pamporovo, la pitoreska rodopa vilaĝo-arkitektura rezervejo Ŝiroka Lâka!...

**– Kiajn kontaktojn kun bulgaraj esperantistoj vi havis?**

– Nenie ĝis nun mi havis tiom multe da aŭskultantoj kiel dum mia renkontiĝo kun sofiaj esperantistoj. Mi parolis ankaŭ antaŭ partoprenantoj en la junulara seminario en la Internacia Esperanto-Kursejo en Pisanica. En Bulgario la E-movado estas forta kaj multnombra. Mi dankas al Bulgara Esperantista Asocio pro la kora gastamo.

Aan Hr. Maja, secr-gen, Unesco-België
→ wordt een vertaling van de repliek ...
[in het Nederlands/Engels] gestuurd. [initials]

**– Konklude mi volus starigi al vi la tradician demandon: viaj estontaj planoj?**

– Ĉi-jare mi intencas vojaĝi tra du ĉinaj regionoj: Tibeto kaj la suda provinco Junan. Krome, mi preparas por la E-publiko tradukon de serio da miaj libroj, en kiuj mi rakontas pri miaj vojaĝoj tra la mondo.

**– Via opinio pri la profesio de la ĵurnalisto?**

– Ĉie, kie mi vojaĝis, mi verkis por la gazetaro de la koncerna lando. Oni publikigis miajn artikolojn ne nur en Jugoslavio, sed en Argentino, Brazilo... Mi estas scenaristo de du dokumentaj filmoj – la unua pri la surgrimpado de Akonkagvo, kaj la alia – sesparta serio, elsendita de jugoslava televido, pri miaj vojaĝoj tra Aŭtralio, Nov-Zelando kaj Nov-Gvineo. Respondante al via demando mi diros al vi ke kie ajn okupiĝas pri ĵurnalismo, la verkanto devas fari tion honeste kaj profesie.

**– Mi kore dankas vian afablecon. Sed jen unu lasta peto – ĉu vi konsentus skribi ion por niaj legantoj?**

– Plezure – jen mia aŭtografo:



Maria JANKOVA

## REZOLUCIO DE UNESCO PRI ESPERANTO XI.4.4.218

**Laŭ iniciato de s-ro Tibor Sekelj, observanto de Universala Esperanto-Asocio en la XXIII Sesio de la Ĝenerala Konferenco de UNESCO, okazinta en Sofio de la 8-a de oktobro ĝis la 12-a de novembro 1985, la degelitaro de Jugoslavio oficiale proponis projekto-rezolucion pri la Internacia Lingvo Esperanto.**

**En plenkunsido de la Ĝenerala Konferenco, okazinta la 4-an de novembro 1985, la projekto-rezolucion apogis ankaŭ la delegitaroj de Bulgario, Ĉinio, Pollando, San-Marino, Kosta Riko kaj Hungario.**

**Post vigla diskutado la projekto-rezolucio estis unuanime akceptita fare de ĉiuj delegitaroj.**

**Ĉi-sube ni publikigas plenan tekston de la rezolucio.**

## LA ĜENERALA KONFERENCO

**Konsiderante**, ke la Ĝenerala Konferenco en sia sesio de 1954 en Montevideo, per sia rezolucio IV.1.4.422=4224, notas atingojn pere de la Internacia Lingvo Esperanto sur la kampo de internacia intelekta interŝanĝo kaj reciproka interkompreniĝo de la popoloj de la mondo, kaj rekonas, ke tiuj atingoj kongruas kun la celoj kaj idealoj de UNESCO.

**Memorigante**, ke Esperanto faris intertempe konsiderindan progreson kiel ilo por la antaŭenigo de reciproka interkompreniĝo de la popoloj kaj kulturoj de diversaj landoj, penetrante en la plej multajn regionojn de la mondo kaj plej multajn homajn aktivecojn.

**Rekonante** la grandan potencialon de Esperanto por la internacia kompreniĝo kaj la komunikado inter homoj de malsamaj naciecoj.

**Notante** la konsiderindan kontribuon de la Esperanto-movado kaj precipe de Universala Esperanto-Asocio por la diskonigo de informoj pri la agado de UNESCO, same kiel ĝian partoprenon en ties aktivecoj,

**Konscia** pri la fakto, ke en 1987 Esperanto celebros sian centjariĝon de ekzisto,

**1. Gratulas** la Esperanto-movadon okaze de ĝia centjariĝo,

2. Petas la Ĝeneralan Direktoron daŭre sekvi kun atento la evoluon de Esperanto kiel ilo por pli bona interkompreniĝo inter diversaj nacioj kaj kulturoj,

3. Invitas la Membrojn-Ŝtatojn signi la centjariĝon de Esperanto – per konvenaj aranĝoj, deklaracioj, per eldonado de specialaj poŝtmarkoj ktp. kaj stimuli la enkondukon de studprogramo pri la lingva problemo kaj Esperanto en siaj lernejoj kaj institutoj de supera instruado,

4. Rekomendas al la internaciaj neregistaraj organizoj aliĝi al la celebrado de la centjariĝo de Esperanto, kaj konsideri la eblecon de la uzo de Esperanto kiel rimedo por la diskonigo de ĉiuspecaj informoj inter siaj membroj, inkluzive de informoj pri la laboro de UNESCO.

---

ILEF

## SUKCESPLENA UNUA ILEF-FESTIVALO

„Ĉarma Rodopi-montaro" – sub tiu devizo en la unuaj tagoj de oktobro (5.-12.10.85) en la Internacia Esperanto-Kursejo en Pisanica estis realigita grava iniciato de la Internacia Ligo de Esperantistaj Foto-Kino-Magnetofon-Amatoroj (ILEF): Unua Internacia Festivalo-Konkurso.

Kvankam vaste diskonigita, la komenco de tiu ĉi aranĝo, estis relative modesta: la festivalon partoprenis 41 ILEF-anoj el Bulgario, Finnlando, Hispanio kaj Jugoslavio. Estis anoncintaj sian aliĝon ILEF-anoj el Ĉeĥoslovakio, Rumanio, GDR, Svedio kaj USSR, sed ili ne alvenis.

En sia salutparolo dum la solena inaŭguro la prezidanto de ILEF Donĉo Ĥitrov koncize rakontis pri la jam pli ol 20-jara aktivado de ILEF, pri ĝia kontribuo al la disvastigo de Esperanto per la kino, foto kaj magnetofono.

ILEF estas faka organizaĵo kunlaboranta kun UEA. Kun TEĴA ĝi unuiĝis dum la 68-a UK en Antverpeno (1982) kaj nun ili sukcese kunlaboras.




*La solena inaŭguro de la Festivalo* *Foto: Kiril Kalĉev*

Laŭ anticipe diskonigita programo la Unua ILEF-festivalo pasis en agrabla kolegeca kaj amika etoso, ĉe vigla interesiĝo de ĉiu partoprenanto, en bonegaj labor- kaj vivkondiĉoj.

En la konkursa programo estis prezentitaj 20 koloraj kaj nigra-blankaj 16- kaj 18-milimetraj filmoj, sonigitaj en Esperanto. Kun granda intereso oni spektis la belegajn kolorfilmojn de nia hispana kolego kaj ILEF-estrarano José Fernandez Arroyo el lia serio „Esperanto vojaĝas tra la mondo" (Japanio, Nepalo, Bali-insulo, Kanariaj Insuloj, Hispanio, k. a.). Li prezentis ankaŭ du kolorajn filmetojn „Animo" kaj „Vilaĝa festo", de Kaoro Asaoka el Japanio, ILEF-estrarano por Azio kaj Oceanio.

Grandan kolekton de filmoj kaj diapozitivoj prezentis la membroj de la E-kinoklubo „Evridika" el Smoljan. La temoj estas ĉerpitaj el la ĉiutaga vivo de la regiono, estas prezentitaj ĝiaj naturbelaĵoj. Bone impresis la eldonata de la klubo murgazeto „Kinematografio" – eble unika en la mondo, tre laŭdinda amatora iniciato!

Bonege sin prezentis la Sofia Esperanto-Kinoklubo per la 16 mm kolora filmo „Verdaj steloj en Slânĉev Brjag", pri la 36-a IFEF-kongreso en 1984. La konstruadon de monumento (-memorejo) omaĝe al la ribeluloj pereintaj en la kontraŭfaŝisma ribelo en 1923 traktis la nigra-blanka filmo „Tomin-ponto" de kinoklubo „Ĥimik" en Vraca.

Riĉaj kaj altkvalitaj estis la prezentitaj 8 fotokolektoj, ĉiu el kiuj estis siaspeca aŭtora foto-ekspozicio. Per majstre elektitaj objektoj (pejzaĝoj, portretoj, foto-ŝercoj k. a.) elstaris la kolektoj de Bogomil Prodanov el Lom (fotoj kaj diapozitivoj), de Plamen Mladenov el Sofio kaj de Stojan Pavunĉev el Vraca. Tre bonaj estis la kolektoj de Kiril Kalĉev el Loveĉ, de Aleksej Ĥristov el Sofio, de Ĥristina Nikolova el Pazarĝik kaj de Vasil Frenkev el Smoljan. Bonege sin prezentis ankaŭ la magnetofona kaj diapozitiva sekcioj.

Petko Arnaŭdov el Pazarĝik, ILEF-estrarano, aŭdigis unikajn surbendigojn de eldiroj de elstaraj esperantistoj: akademiano Bo-



*La partoprenantoj en la ILEF-Festivalo ĝissate fotis* *Foto: Kiril Kalĉev*

karjov, la E-poetoj K. Gusev kaj Petro Poliŝĉuk el Sovet-Unio, de la poeto-verkisto kaj tradukisto Asen Grigorov el Bulgario, k. a. La alia suprizo estis la diapozitivoj de Anatoli Prodanov el Lom. Pli ol 1000 diapozitivoj estis montritaj dum la festivalaj tagoj – tre granda kvanto por modesta komenco!. . .

Ĉiu aprta konkursaĵo estis vigle diskutata kaj pritaksita de la partoprenantoj, kio estis unika interŝanĝo de sperto.

La bonega suna vetero ebligis la festivalanojn ĝissate foti kaj filmi laŭplaĉe la belegajn ĉirkaŭaĵojn de Pisanica kaj dum la ekskursoj – urbo Smoljan, Aguŝev-konak (unika en Bulgario mezepoka kastelo), vilaĝo Ŝiroka Lâka (rezervejo de tipa rodopa arkitekturo) kaj al fama ripozloko Pamporovo kun la televida turo sur monto Snejanka.

La plej gravaj momentoj de la festivala programo inkluzive la karnavalan adiaŭan vesperon estis filmitaj far skipo de Bulgara Televido.

La kvar unuaj premioj – metaloplasto de fluganta kolombo, disdonitaj por ĉiu aparta fako de la festivalo, estas verkoj de nia hispana amiko José Arroyo kaj donaco de Madrida Esperanto-Liceo.

La Unua Festivalo-Konkurso de ILEF – „Ĉarma Rodopi-montaro", estas sukcesplena, kuraĝiga paŝo al novaj internaciaj aranĝoj kaj pruvo pri la vigleco kaj utila agado de esperantistoj-foto-magnetofon-amatoroj.

IEK, Pisanica
oktobro, 1985 Radi BANĈEVSKI

**világ és nyelv –**

## UNIKA ELDONAĴO EN HUNGARIO

„Unika eldonaĵo en Hungario" – jen la titolo de trikolumna pritakso pri „Világ és Nyelv" en „Heroldo de Esperanto"(1983-5-31.). La artikolon verkis Tibor Sekelj, la fama hungardevena geografo kaj ekspediciisto, loĝanta en Jugoslavio.

Li prezentis la revuon por la legantaro de „Heroldo de Esperanto" substrekante la artikolojn, kiuj kaŭzis internacian eĥon, pere de la diskonigo en la eksterlanda movado, kiun helpis parte la Esperantaj resumoj, parte la Esperantaj variantoj publikitaj en „Hungara Vivo" disvastigata en 44 landoj. Ĝuste tial akcentis la artikolo de Sekelj, ke „Világ és Nyelv" estas eldonaĵo, kiu momente – bedaŭrinde – estas unika.

Kial ricevas tian pritakson eksterlande tiu hungara revuo? Tial, ĉar la naciaj Esperanto-asocioj eldonas nur movadajn gazetojn, kiuj plejparte estas ekskluzive Esperantlingvaj, kaj kelkaj el ili publikas ankaŭ malmultajn artikolojn en la gepatra lingvo. Estas unu el la kialoj de tio, ke tiuj gazetoj estas produkteblaj en modesta aspekto, do pli malmultekoste ol iu nacilingva revuo postulanta alispecan redaktadon kaj ekstermovadan disvastigadon.

La alia kaŭzo originas de la preskaŭ centjaraj tradicioj kaj de tio, ke la mondskale vastiĝanta esperantistaro preferas internacilingvajn artikolojn pri la sociaj, kulturaj, lingvaj, turismaj kaj ceteraj temoj de la movado. Tiel ili pli forte travivas, ke ili estas membroj de humanisma, internacia, kultura komunumo. Ĝia cirkvito estas por ili ĉiuj escepte grava vivento – kiun kompletigas vasta internacia korespondado. Tio signifas por ili ankaŭ eksterlandajn fakajn kontaktojn, malmultekostan mondvagadon kaj internaciismon travivebla n persone kaj familie.

Krom la graveco de la ĉi-supraj, la gvidantoj de Hungara Esperanto-Asocio rekonis an-

kaŭ, ke la vastigo – pli intensa ol ĝis nun – de la parolantaro kaj simpatiularo ne plu eblas sen altnivela, nacilingva kaj ankaŭ ekstermovade disvastigebla kaj vendebla revuo. La realigon tamen antaŭis multjara konsiderado, kiu aŭtune 1973 tamen rezultis la entreprenon de financaj riskoj. La gazeto kun nomo „Esperanto Magazin" (Esperanta Magazino) estis lanĉita tiam. La ĉefredaktoro estis la verkisto Mihàly Gergely (kiu post kvar jaroj pensiiĝis). Pro la dekreto pri paperŝparado ekde 1976 oni permesis nur dumonatan aperon anstataŭ la antaŭa ĉiumonata. Dumtempe evidentiĝis, ke la ĝistiama titolo estas erariga, ĉar multaj pensas ĝin Esperantlingva eldonaĵo.

Kaj tio kontraŭis la celojn de la gazeto, tial meze de 1976 estis ŝanĝita la titolo al „Vilàg és Nyelv". Tio jam esprimas la originalan strebadon paroli al la kulturitaj kaj sinkulturantaj tavoloj de la neesperantistoj, kiuj sopiras ankaŭ internacian horizonton. Servante la ĵus diritajn, la temaro de nia gazeto estas la sekva: 1. **problemoj de la Babela multlingveco de la mondo; 2. la intensiĝantaj lingvaj malfacilaĵoj de la internacia komunikado; 3. privataj kaj sociaj aspektoj de la instruado kaj lernado de fremdaj lingvoj; 4. kiel parto de la antaŭa: popularigo de Esperanto fariĝinta moderna latino; 5. fine la prezentado de la internacia amikiĝo, faka kontaktiĝo, respektive de malmultekostaj ebloj kaj interesaĵoj de la mondvagado, elformiĝintaj pere de la Esperanta monda movado.**

Tio estas varia kaj multfaceta temaro, ja ĉiujn vibretojn de la vivo ni esprimas unuavice per la lingvo. Tial la revuo „Vilàg és Nyelv" okupiĝas pri ĉiuj fenomenoj de nia lingva Babelo per la variaj rimedoj de la artospeco populara diskonigo de kultursciindaĵoj. Ĉion ĉi ĝi plenumas pere de la kunlaboro de en- kaj eksterlandaj aŭtoroj – inter ili famaj personecoj.

Nia gazeto do povas kalkuli je la interesiĝo de ĉiuj homoj: 1. **kiuj iun ajn fremdan lingvon parolas; 2. aŭ lernas, respektive instruas fremdajn lingvojn; 3. aŭ pro la malfacilaĵoj la lingvolernado ĉesis – sed eble pretus rekomenci ĝin; 4. kiu laboras sur iu ajn kampo de la internaciaj kontaktoj; 5. aŭ preparas sin por tia agado; 6. aŭ strebas akiri internaciajn spertojn en sia fako, profesio; 7. aŭ volas entute nur malmultekoste vojaĝi, sperti la mondon; 8. aŭ sendepende de ĉiuj antaŭaj sopiras amikiĝi, korespondadi internacie; 9. aŭ volonte konatiĝus kun la internacia lingvo kaj ĝia movado; 10. aŭ nur simpatias kun Esperanto, sed pro la privataj kondiĉoj ne volas ellerni ĝin; 11. kiu estas jam aktiva esperantisto, por tiu la gazeto povas servi kiel spirita fonto; 12. kiu estas malsame opinianta kontraŭesperantisto, ankaŭ tiu povas diskuti sur la paĝoj de la gazeto.**

Ili kune formas laŭnombre grandan potencialan legantaron. Nian gazeton legas jam preskaŭ ĉiuj ĉi-supraj tipoj, sed bedaŭrinde, multe pli malgranda parto de la eblaj legantoj ol estus dezirinde. La kaŭzo estas tre simpla: eĉ por la plej malgrandaj reklamoj pri la gazeto mankas la financoj. Kvankam per daŭra aplikado de certaj reklamoj eblus realigi, ke ni povu aliri ĉiujn el la ebla legantaro, kiuj pretus preni sur sin la malgrandan abonkotizon de la revuo (por enlandano entute nur 54 forintoj). Spite al tiu situacio ni konsideras granda rezulto, ke – laŭ la indikoj el la jaro 1982 – 60 %-oj de nia legantaro estas neesperantistoj; kaj krom la abonantoj kaj aĉetantoj de la opaj ekzempleroj ekzistas multaj, kiuj legas nian revuon en la bibliotekoj, kluboj, respektive ricevinte el la manoj de niaj entuziasmaj helpantoj kaj volontulaj abonvarbantoj.

Nia gazeto do ne estas movada, same ne lingvistika, sed ĝi apartenas al tiu tipo de socipolitikaj kaj kulturaj forumoj de la lingvaj problemoj, kiu kaj en la en-, kaj en la eksterlanda gazetaro estas nova fenomeno. Sekve ĝi ne estas komparebla al iu el la gazetoj en la internacia Esperanto-movado.

Unu el la plej gravaj rezultoj de la hungara Esperanto-movado estas la estigo kaj ekzisto de „Világ és Nyelv" – jam 12 jarojn. Tiu fenomeno multe helpis maturigi ankaŭ la aliajn rezultojn. La redakcion formas tiaj eminentuloj, kiel la konataj lingvistoj D-ro János Balázs kaj D-ro László Deme, verkisto Mihály Gergely, niaj popularaj ĵurnalistoj-kolegoj Imre Cserhalmi kaj András Sugár, respektive universitata lekciistino D-rino Zsuzsa Varga-Haszonits. Kvankam ne senpere, sed ankaŭ „Világ és Nyelv" kontribuis al tio, ke UEA en 1983 en Budapeŝto aranĝis la 68-an Universalan Kongreson, unu el la plej amasaj en la movadhistorio.

Estas do kompreneble, ke en tiu ĉi kongreso HEA kaj ĝia revuo estis alte taksataj. Pri la temo ni citu unu el la kongresaj raportaĵoj de la taĝĵurnalo „Népszabadság"(1985-8-5.): „La reprezentantoj de la naciaj Esperanto-asocioj pritaksis ankaŭ la spertojn de la nacilingva propagandado de Esperanto. Pri ĝi en la konsultiĝo – plenumita en tri sekcioj – ili interkonsentis: estas intereso de la asocio en ĉiuj landoj helpi la movadan evoluon ankaŭ per nacilingva gazeto. La delegitoj esprimis sian rekonon al la hungara asocio pro la eldonado de „Világ és Nyelv", kiu estas en la mondo ĝis nun la unusola, regule aperigata, nacilingva Esperanto-revuo.

En la rubriko „Spektanto" ni regule prezentas revuon de ĉiuj gravaj artikoloj de la hungara gazetaro,kiuj temas pri la lingvaj problemoj de la internaciaj kontaktoj kaj pri tiuj de la instruado de fremdaj lingvoj. La aŭtoroj de la recenzitaj artikoloj eble eĉ ne supozas, ke ili tre ofte – eĉ senvole – subtenas la ideojn kaj strebadojn de niaj movado kaj gazeto. Tamen tre ofte ni kritikas iujn konkludojn – laŭ ni erarajn – de la opaj kolegoj. Ni tre ĝojus, se ili – eĉ polemike – respondus al niaj kritikaj rimarkoj. Tiujn artikolojn ni volonte publikigis, ĉar povas esti, ke eble ĝuste ni mem eraras. Cetere, ni volonte donas spacon por ĉiuj kontraŭaj opinioj same, kiel tion ni jam ĝis nun praktikis, kaj tion ni faras eĉ pro du kialoj: pro la ebla pravo de la aŭtoro, aŭ pro la eblo polemiki friktodone. La legantoj tre ŝate legas tiujn plumluktojn.

La Esperanto-asocioj de ĉiuj landoj devus strebi por krei nacilingvan gazeton, vendeblan surstrate, kiu alparolas la neesperantistojn. Sen tia rimedo ne eblas fortigi la efikon de nia movado; kaj ĉefe: ni ne povas alparoli la kulturitajn, influajn tavolojn de la socio. Nia movado ĝuste el ili devas gajni al sia afero kiel eble plej multajn personojn.

Por krei tian nacilingvan gazeton en ĉiuj landoj povus esti iusence modelo la gazeto „Világ és Nyelv" – kun unusola ĉefa postulo: ĝi ne povas esti pli malbona ol la modelo – oni strebu fari nur pli bonan. Evidente tia gazeto en ĉiu lando devus havi proksiman nivelon al tiu de la aliaj naciaj gazetoj . Ĝi devus esti same interesa kiel tiuj, kaj utiligi la tradiciojn naciajn de la ĵurnalismo. Ankaŭ la aspekto devas simili al la ilia. Ni tre volonte profitus el la redaktaj metodoj de niaj eksterlandaj kolegoj de nacilingvaj Esperanto-gazetoj. Eĉ, ni regule transprenus iliajn artikolojn interesajn, kiuj enhavas novaĵojn por la hungara publiko.

Mi scias, ke aperigi tian gazeton estas unuavice problemo de financoj. Tamen estas devo solvi ĝin, ĉar la movado devas koncentri siajn materialajn kaj spiritajn fortojn por propagandi nacilingve. Sen tio ne povas grandiĝi la legantaron de la Esperantaj gazetaro kaj literaturo.

Estus tre bone, se pri tiu demando „Internacia Ĵurnalisto" lanĉus seriozan diskuton kaj enketadon por serĉi la solvon.

Imre SZENES,
ĉefredaktoro de
„Világ és Nyelv"

## SUPRENIRA VOJO

/Meditoj pri la originala Esperanto-poezio/

Baldaŭ Esperanto festos sian centjaran jubileon kaj tio signifas, ke ankaŭ Esperanta literaturo festos sian unuan jarcenton, ĉar kune la apero de la Internacia lingvo aperis ankaŭ la literaturo en tiu ĉi lingvo, kaj kiel en preskaŭ ĉiuj naciaj literaturoj, ankaŭ en Esperanto unue aperis kaj ekfloris la liriko.

Nun, kiam ni observas la Esperantan poezion de la centjara distanco, ni surprize rimarkas kiel riĉa kaj multkolora ĝi estas je nomoj de aŭtoroj, je temoj, ideoj, motivoj . . .

La Esperanta poezio estas unika ankaŭ pro la fakto, ke ĝin kreis kaj kreas aŭtoroj el diversaj popoloj kaj nacioj. Poetoj, kiuj apartenas al diversaj kulturoj, sed kiuj estas ligitaj per la amo al Esperanto, per sia internacieco, per sia volo al paco, frateco kaj amikeco inter la popoloj. Tiujn ĉi eternajn motivojn en la Esperanta poezio ni trovas en la poemoj de Zamenhof, en la poemoj de la plej elstaraj niaj poetoj, kaj en la poemoj de la plej juna generacio de Esperantaj poetoj.

Dum tiu mallonga periodo la Esperanta poezio trairis longan vojon. Nun ni povas paroli pri kelkaj poeziaj skoloj, kiel ekzemple pri la slava skolo, pri la skolo de la proletaj Esperanto-poetoj, pri la budapeŝta skolo, pri la skota skolo ktp., kies la plej talentaj reprezentantoj kreis valorajn verkojn, kiuj restos en la trezorejo de nia poezio.

Post la unuaj poemoj de Zamenhof, kiuj esprimis ĉefe la ideon de la Internacia Lingvo aperis poemoj, kiuj respegulis la realan vivon kun ĝiaj eternaj problemoj. Neforgeseblaj en la Esperanta literaturo restos la poemoj de Julio Baghy kontraŭ la senhoma milito kaj kontraŭ la socia maljusteco.

*„Marŝmarŝon diktas la muzik'..*
*Nun pac' trumpetas – sen efik';*
*militon kaŝas ter' kaj kalko,*
*kolombon tamen pelas falko*
*Trara! Trara!*
*ĉe katafalko. . .."*
*/Dancanta ĉefalo/*

Dum la dudekaj, tridekaj jaroj, kiam la klasbatalo fariĝis pli kruela kaj sanga, en la Esperanta poezio eksonis la voĉoj de la proletaj Esperantaj poetoj Nekrasov, Miĥalski, Hohlov, Asen Grigorov, Ĥristo Gorov, Emba kaj aliaj. La alvoko por la senkompromisa klasbatalo estas klare esprimita en la poemoj de Emba.

*„Malantaŭ ŝutraj fenestroj*
*kasiĝas morne la estroj*
*de l' Kriz' kaj Malsato.*
*Sed vojon alserĉas,*
*hu-i, hu-i,*
*la krio de l' strato,*
*kaj galon verŝas*
*en la ĉampanon:*
*„Laboron, panon! "*
*/Krizo/*

En 1930, en la pariza filio de SAT, aperis la originala poemo de Ĥristo Gorov „Poemo de l' plugisto", kies ĉeftemo estas la klasbatalo, la sopiro por pli bona, pli justa vivo. Tiu ĉi poemo forte impresis la Esperanto-legantojn kaj ĝia aŭtoro estis nomita avangarda poeto.

Ankaŭ dum la Dua mondmilito la Esperantaj poetoj ne eksilentis. La tondroj de la faŝistaj kanonoj ne sufokis iliajn sincerajn voĉojn. La proleta Esperanta poeto Asen Grigorov verkis eĉ en la malliberejo kaj lia poemo „Tom" estas unu el la plej revoluciaj liaj poemoj. Per la vortoj de Tom, Grigorov klare esprimis sian kredon je la proksima hela estonteco.

*„–Soldatoj, – Tom alvokis –*
*– mi mortas por la Ver'*
*sed baldaŭ la popolo*
*ekvivos en liber! . . ."*
*/Tom/*

Post la Dua mondmilito en nia poezio aperis novaj talentaj poetoj, inter kiuj elstaras William Auld. Neforgeseblaj estas liaj kontraŭmilitaj poemoj kiel ekzemple la poemo „La perfidita juno".

*„Ni, la junuloj iris en inferon*
*por tranĉi el la monda mam' kanceron:*
*ni kredis je pli forta posta sano,*
*pli pura vivo laŭ pacama plano."*
*/La perfidita juno/*

William Auld ne nur kondamnas la militon, sed li levas voĉon kontraŭ nova milito, kiu estos pli kruela ol la pasinta. Per la poemo „La infana raso" li avertas la homaron, kiu estas ankoraŭ en la infana aĝo kaj ludas per danĝera ludilo, minacanta la ekziston de nia planedo.

*„Mi pensas pri tiuj, kiuj pretas ripeti,*
*je homo de la bono kaj vivsinteno,*
*tiun momenton fian, kiu nuligis*
*tiom da samsortanoj, tiom da fratoj."*
*/La infana raso/*

Ankaŭ nun la Esperanta poezio floras kaj progresas. Ne eblas mencii la nomojn de ĉiuj Esperantaj poetoj, kiuj riĉigas nian poezion per sia sincera kaj varma amo al la homoj, kaj kiuj per sia plumo batalas por la paco kaj la feliĉo de la homaro.

Georgi Miĥalkov

---

## GAZETO „INTERLINGVISTIKA INFORMA SERVO"

La radaktoro d-ro Artur Bormann (Hoisdorfer Landstr. 72, D-2070 Grosshansdorf) grave malsaniĝis. La „Interlingvistika Informa Servo" momente ne aperas. La ĝis nun lasta numero estis tiu de la kvara kvaronjaro 1984, forsendita en 1985.

En la Societo por Internacia Lingvo okazis novelektoj. D-ro A. Bormann fariĝis Honora Prezidanto. La nova estraro baldaŭ decidos pri la plua evoluo de „Interlingvistika Informa Servo".

Ĉiujn demandojn dv. direkti al d-ro Werner Bormann (Scharstr. 26, D-2050 HAMBURG 80).

## „INTERLINGVISTIKO, ESPERANTOLOGIO"

Jen valorega libro, longe atendata de interlingvistoj, esperantologoj kaj filologoj ĝenerale – kaj aparte – de kursgvidantoj kaj redaktoroj de E-eldonaĵoj kaj aliaj interesiĝantaj esperantistoj. La 252-paĝa volumo entenas 26 artikolojn prilingvistikajn, filologiajn, gramatikajn ka. temojn, verkitajn de 15 tre kompetentaj aŭtoroj, inter kiuj kvin membroj de la Akademio de Esperanto, inkluzive de ties prezidanto, vicprezidanto kaj unu eksprezidanto. Kiel skribas en siaj enkondukaj notoj la kompilinto de la volumo – Violin Oljanov – konata bulgara E-filologo, redaktoro kaj kursgvidanto: „Tio jam destinas ĝian altan valoron kaj mi forte kredas, ke ĝi havos seriozan influon por plialtigo de la lingva kulturo de nia esperantistaro, por strebado kaj perfektiĝo".

La interesaj artikoloj estas prenitaj el E-periodaĵoj kaj precipe el „Filologo" aperanta en Bulgario organo de Internacia Unuiĝo de Esperantistoj-filologoj. La unua artikolo estas „Interlingvistiko", de la forpasinta eksa vicprezidanto de la E-Akademio Atanas D. Atanasov (Ada). En ĝi la aŭtoro traktas la terminon „Interlingvistiko" kiel lingvosciencan disciplinon, tuŝante ankaŭ la klarigojn kaj teoriojn de aliaj lingvosciencaj aŭtoroj, pri la objekto de la interlingvistiko ktp. Preskaŭ sammaniere la dua artikolo (de St. Masserov) „Ankoraŭfoje pri interlingvistiko" (resumo de prelego en kunveno de la Sofia grupo de IUEF, 1976). Sed pli profunde traktas la problemon prof. d-ro Stojan Ĝuĝev – vicprezidanto de la E-Akademio en siaj du artikoloj „Interlingvistika utopiismo" (26-paĝa) kaj „Estetikaj problemoj en interlingvistiko" (11-paĝa). Interesaj estas ankaŭ la verkoj de la aliaj aŭtoroj – W. A. Verloren van Themaat, N. Danovskij, M. Duc Goninaz, A. Poŝka, A. Vaitilaviĉius, V. Oljanov, B. Golden, C. Murgin, de d-ro Andre Albaut – prezidanto de la E-Akademio, de F. K. Coburger kaj O. Stolberg. Iuj temoj koncernas gramatikajn problemojn de Esperanto, pri la transskribo de loknomoj, pri toponimiko ka. Kvin artikoloj en la volumo estas de Violin Oljanov, la kompilinto. Kelkaj el la aŭtoroj estas membroj de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio – N. Danovskij, V. Oljanov, C. Murgin, B. Golden – E-akademiano, kaj O. Stolberg.

Estas konate, ke la lingva nivelo de multaj, eĉ inteligentaj esperantistoj ne estas tro alta precipe pro neglekto. Tiu ĉi librokolekto kontribuos nepre al la perfektiĝo de la lingvaj konoj de multaj scivolemaj kaj intersiĝantaj esperantistoj ne nur en Bulgario, kie la E-movado estas bone disvolvita, sed ankaŭ en la aliaj landoj. Estus necese tamen regule eldonadi la revuon „Filologo", kiu multe kontribuos al lingvistikaj kaj esperantologiaj konoj de la adeptoj de nia Internacia Lingvo. Tie ĉi oni povas eldiri ankaŭ laŭdajn parolojn al Bulgara E-Asocio, kiu eldonis la libron (en mil ekzempleroj).

Ivan ESPEROV

---

### Radio Vieno plilongigas la Esperanto-radio-elsendojn

Depost septembro 1985 estas plilongigita la ĉiudminanĉa disaŭdigo de la Esperanto-programo de 11,5 al 14,5 minutoj. Do de la 06,45-06,59/30 sek. Mallongondoj 31 m (9635 kHz) kaj 49 m (6000 kHz), 19 m (15410 kHz). Ripeto de la elsendo ja la 10,45 h, 49 m, 41m (7170 kHz) laŭ la mezeŭropa tempo. Oni petas sendi pro tiu ĉi plibonigo dank-alskribojn al: Radio Wien ORF, Esperanto, A-1136 Wien.

## IVAN KEREMIDĈIEV-ESPEROV – 75-JARA



Ivan Keremidĉiev – Esperov, malnova veterano de la bulgara E-movado, multjara ĵurnalisto kaj ĉefredaktoro de gazeto „Internacia Ĵurnalisto", atingis respektindan aĝon de 75 jaroj.

Esperov naskiĝis la 16-an de decembro 1910 en v. Trajkovo, subdistrikto de la danuba havenurbo Lom. Esperanton li lernis en 1924. Post kelkaj jaroj li fondis en Lom societon de Bulgara Laborista Esperanto-Asocio (BuLEA) kaj estis ĝia sekretario. Kiel studento en Sofio Esperov fariĝis respondeca redaktoro de la eldonaĵoj de BuLEA „Internacia Laborista – Kamparana Korespondanto" kaj „Informilo". Aparte fruktodona estas la gvida laboro de la jubileulo en la bulgara E-movado dum la periodo 1937 – 1944. En „Bulgara Esperantisto", kies vicredaktoro li estis, Esperov publikigis artikolojn pri la stato kaj aktualaj taskoj de la bulgara esperantistaro. Sinsekve li fariĝas redaktoro de E-paĝoj en la tagĵurnaloj „Zarja" kaj „Nova Kambana". Sur tiu kampo tre rimarkindaj estas la organizaj kaj propagandistaj ecoj de Esperov. Je la nomo de Bulgara Esperantista Asocio li gvidis du landajn kongresojn, en Pleven kaj Loveĉ, kaj landan E-konferencon en Plovdiv.

Laŭ iniciato kaj sub la redakto de Esperov en 1941 estis eldonita „Popola Kalendareto Esperanto". Ĝi estas 48-paĝa broŝuro kun tre interesaj kontraŭfaŝismaj materialoj el sub la plumo de konataj bulgaraj eksterlandaj aŭtoroj, amikoj de Esperanto. Li kompilis kaj redaktis en 1942 „Novjara-n Folio-n".

Post la liberiĝo de Bulgario el sub faŝisma regado en 1944 Esperov okupis la postenon de sekretario de Centra Komitato de BEA. Samtempe li estis redaktoro de „Bulgara Esperantisto". Poste li laboris kiel membro de la redaktaj komitatoj de „Internacia Kulturo" kaj „Nuntempa Bulgario", gvidataj de Asen Grigorov.

En la landa ne-esperantista gazetaro post 1944 Keremidĉiev – Esperov disvolvis viglan ĵurnalistan agadon – estis ĉefredaktoro de distrikta ĵurnalo „Oteĉestven Zov" – urbo Vraca, poste dum pli ol 17 jaroj li laboris kiel redaktoro en centra tagĵurnalo „Rabotniĉesko Delo". Dum dekvin jaroj Esperov prezidis la sekcion „Loka gazetaro" ĉe Asocio de Bulgaraj Ĵurnalistoj.

Esperov estas seninterrompe elektata membro de Centra Estraro de BEA. Multajn jarojn li estis vicprezidanto kaj poste prezidanto de E-societo „Maksim Gorkij" – Sofio.

Ekde 1956 Ivan Keremidĉiev – Esperov estas fondinto kaj ĝisnuna ĉefredaktoro de gazeto „Internacia Ĵurnalisto" – organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) kaj nun li estas ankaŭ ĝia vicprezidanto.

Elkorajn salutojn kaj bondezirojn pri fortika sano kaj longvivado al nia kolego, nelacigebla veterano-ĵurnalisto!

Evgeni GEORGIEV

## DONĈO ĤITROV JUBILEAS



Mi ĉiam memoras lin tiel: ĉe la skribtablo en la redakcio de „Bulgara Esperantisto", dronintа en laboro pri la nova numero de la revuo. En „lian regnon" kie mi faris miajn unuajn paŝojn en la ĵurnalisma laboro, mi nun eniras por kolegece konversacii kun samideano Donĉo Ĥitrov, okaze de lia 60-jariĝo.

**– Samideano Ĥitrov, bonvolu koncize prezenti vin mem, rakonti pri via junaĝo, pri via ekinteresiĝo pri Esperanto kaj ĵurnalismo.**

– Jam kiel lernanto en la klasika fako de Unua Sofia Knaba Gimnazio mi ellernis latinan, rusan kaj francan lingvojn. Esperanton mi lernis laŭ la lernolibro de mia onklo – d-ro Panajot Ĥitrov. Kunlaborante al la revuo „Lernejana impeto" – eldono de la sofiaj gimnazioj, mi revis pri ĵurnalista profesio.

**[illegible] ĵurnalisto ebligis, ke vi ankaŭ fake apliku Esperanton?**

– Post la Dua Mondmilito mi studis foreste en la Supera Ekonomia Instituto en Sofio kaj samtempe laboris kiel redaktoro en revuo „Filmaj Novaĵoj", eldonata ankaŭ en Esperanto. Post kiam mi finis la ĵurnalisman Fakultaton de Sofia Universitato, mi laboris kiel redaktoro en Agentejo „Sofia-pres" kaj kunlaboris al revuo „Nuntempa Bulgario", eldonata en Esperanto. Ekde 1981 mi estas ĉefredaktoro de nia asocia presorgano „Bulgara Esperantisto".

**– Kiujn suprojn en via Esperanto-aktiveco vi mencius?**

– Regula membro de BEA mi estas ekde 1956. La 36-a kongreso de BEA en Pleven elektis min membro de CK de BEA. Mi estas fondinto de Bulgara Esperanto-Kinoklubo. Dum la 48-a UK de Esperanto en Sofio (1963) mi laboris en Kongresa Gazetara Servo kaj samtempe gvidis la filmadon de la kongreso. Tiam fondiĝis Internacia Ligo de Esperantistoj Foto-Kino-Magnetofon-Amatoroj (ILEF) kaj oni elektis min ĝenerala sekretario. En 1978 mi gvidis la Gazetaran Servon de la 63-a UK de Esperanto en Varna. Laŭ mia scenaro estis filmitaj la kongresaj aranĝoj. En tiu kongreso la Ĝenerala Kunveno de ILEF elektis min prezidanto de ĉi tiu organizaĵo. En la momento mi estas redakciano de „Internacia Ĵurnalisto", presorgano de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) kaj ties ĝenerala sekretario. En 1984 dum la 36-a kongreso de IFEF laŭ mia scenaro Sofia Esperanto-Kiniklubo kreis 30-minutan koloran dokumentan filmon pri la kongreso titolitan „Verdaj steloj en Slânĉev Brjag". La filmo estis projekciita sukcese en Bulgario kaj en aliaj landoj, kaj gajnis la Grandan Premion – „Arĝentan Kolombon" – de la Unua ILEF–festivalo en Pisanica, oktobre 1985.

Dum la 41-a kongreso de BEA mi elektiĝis membro de la Buroo de la Centra Estraro de BEA kaj respondeculo pri la propagando.

En Aŭgsburg, dum la 70-a UK, la estraro de UEA komisiis al mi, Roman Dobrzynski (Pollando) kaj d-ro Ulrich Lins (FGR) verki 30-minutan koloran dokumentan filmon sub titolo „Kio vi estas, Esperanto? ", lige al la 100-jara jubileo de la Internacia Lingvo en 1987.

**– Oni diras, ke baldaŭ aperos via libro. Ĉu vi informos nin pli detale.**

– La libro „En la mirinda mondo de la kino" aperos en la komenco de 1986, se ĉio marŝas laŭplane.

**– Dankon, kolego Ĥitrov! En la nomo de ĉiuj TEJA-anoj kaj ILEF-anoj kaj en mia propra nomo mi deziras al vi multege de sano kaj restu ĉiam tiel junkora kiel nun ĉe via 60-jariĝo!**

Intervjuis: Veneta BALEVA

## ANKORAŬFOJE PRI LA KLUBA GAZETO

La kluba gazeto estas de unu flanko spegulo de la kluba vivo, kaj de alia – jam ĵurnalisma laboro, ĉar en malgranda kaj simpligita formo kaj maniero havas aspekton kaj karakteron de grandaj gazetoj. Kaj sekve postulas de la redaktoroj komprenon pri beletro, traduko, aranĝo. Pro tio la kluba gazeto estas tre utila. Ĝi respegulas ankaŭ iujn gravajn eventojn okazantajn en la mondo.

Ekzemple, al la XII Tutmonda Festivalo de Junularo kaj Studentaro, okazinta ĉisomere en Moskvo, estis dediĉitaj materialoj en la klubaj gazetoj. Oni apartigas materialojn okaze de la antaŭstaranta glora 100-jara jubileo de Esperanto, prezentante la historion kaj evoluadon de la lingvo kaj E-movado k. a. eventoj.

En klubaj gazetoj oni lumigas diversajn eventojn el la kluba vivo, ekz.: vesperoj dediĉitaj al la naskiĝtago de L. L. Zamenhof kaj al amikeco kun la popoloj de aliaj landoj, ekspozicioj kaj diversaj konkursoj, korespondado kun samideanoj-eksterlandanoj k. a. Kaj certe ampleksan parton de la gazeto okupas beletro kaj poezio – originala kaj traduka.

Per tiu ĉi mia unua elpaŝo en la estimata presorgano de TEĴA mi volas atingi du celojn:

1. En „IĴ" estu lanĉita rubriko pri la laboro, atingoj, problemoj kaj iliaj solvoj ktp. far la klubaj periodaĵoj kaj ties redaktoroj, ekz. ĝi nomiĝu „El klubaj gazetoj".

2. Mi volus, ke „redaktoroj" kaj „kontribuantoj" al klubaj gazetoj efektivigu personajn ligojn por interŝanĝi sperton tiurilate. Mi, ekzemple, plezure havus ligojn kun tiaj kolegoj.

Bronislav ĈIPIN,
659334, ul. Puŝkinskaja, 192 – 22,
Bijsk, USSR.

---

## 80-A JUBILEO

Nikolaj Danovskij, internacie konata veterano de la soveta E-movado, vicprezidanto de TEĴA, festas 80-jariĝon.

Li naskiĝis en la eventorica 1905, la 10-an de decembro, en la nigramara urbo Odeso. En sia naskigurbo Dankovskij studis en ses diversaj mezaj kaj superaj lernejoj. Li ekposedis multajn lingvojn ( rusan, latinan, germanan, francan, polan kaj ukrainan), lernis pian – kaj harpludon, finis superan pedagogian E-kurson.

En Moskvo N. Danovskij sukcese finaŭskultis kurson de matematika fakultato de Moskva Ŝtata Universitato kaj finis kurson de rusa-angla tradukado ĉe Moskva Pedagogia Fremdlingva Instituto.

Li laboris kiel inĝeniero-konstrukciisto. Li partoprenis en la kreo de la unuaj piŝtaj kaj jetaj motoroj, instruis en kelkaj superaj lernejoj, inkluzive la Aviad-Akademion „N. J. Ĵukovskij". Sed pleje li laboris kiel redaktoro kaj ĵurnalisto.

Post la Dua Mondmilito N. Dankovskij multajn jarojn laboris en la redakcio de Granda Soveta Enciklopedio kiel supera scienca redaktoro kaj samtempe multe okupiĝis pri ĵurnalismo kaj Esperanto. Al la sovetaj kaj alilandaj esperantistoj li estas vaste konata kiel aŭtoro de multnombraj publikaĵoj pri Esperanto kiel teoriulo, tradukisto kaj propagandisto de Esperanto.

Dum la lastaj dudek jaroj N. Danovskij tradukis en Esperanton multajn belliteraturaĵojn, partiajn kaj ŝtatajn dokumentojn. Li esperantigis kvar kinofilmojn kaj redaktis sovetajn numerojn de „Paco" – organo de MEM.

Ni elkore gratulas nian karan jubileulon kaj bondeziras al li sanon, ĝojon kaj pluan fruktodonan laboron sur la E-kampo.

Ivan ESPEROV

## ZORGOJ PRI JUNAJ ĴURNALISTOJ

En Bruselo /Belgio/ troviĝas la sidejo de IDC – Internacia Dokumenta Centro /FIJET/, kies ĝenerala sekretario estas Hannes Thomas /samtempe prezidanto de Turisma Sekcio de Asocio de Ĵurnalistoj en Germana Demokratia Respubliko/. La menciita Centro okazigas jam dum pluraj jaroj renkontiĝojn de junaj ĵurnalistoj skribantaj pri turismo.

La unua ilia renkontiĝo okazis en 1974-a en Balatonszéplak /Hungario/, la dua,en 1975, migris tra urboj Vieno – Bratislava – Budapeŝto kaj la tria /1977/ okazis kiel faka konferenco en Postupim /GDR/. La sekvantaj kvar renkontiĝoj havis jam formon de regulaj seminarioj: 1979 en Budapeŝto –Vieno – Munkeno, 1982 en la hispana Barcelona, 1983 en Lisboa – Algarve /Portugalio/, 1985 en Naumburg, GDR. Ĉi tiun lastan – sepan – seminarion organizis Asocio de Ĵurnalistoj en GDR en aprilo 1985 kaj ĝin partoprenis 18 personoj el 14 landoj – ĉiuj senescepte junaj homoj. La oficialaj lingvoj estis angla kaj franca.

La programo konsistis el prelegoj pri GDR – lando, ĝiaj historio, loĝantaro, naturbelaĵoj kaj vizitindaĵoj, ankaŭ pri la junularo, junulara vojaĝagentejo Jugendtourist /La Juna Turisto/, pri la eldonejo Tourist Verlag ktp. Dum seminarioj estis pritraktitaj ankaŭ la turisma ĵurnalismo, monda turisma organizaĵo, hoteloj kaj aertrafikaj servoj, la edukado de infanoj en la kultura turismo k. a.

Oktobre 1985 okazis en Portoroĵ /Jugoslavio/ la kongreso de FIJET, kiu certe decidis pri dato, loko kaj programo de la sekvonta – oka – seminario de junaj ĵurnalistoj verkantaj pri turismo.

Jàn LAMAČKA

(El „Novinàr", Prago, n-ro 7/1985)

## ANDRZEJ PETTYN PRI RADIO POLONIA

Mi renkontiĝis kun s-ro Andrzej Pettin, ĉefredaktoro de la E-elsendoj de Radio Polonia, dum lia restado en Bulgario septembre 1985. Li alvenis lige kun la Internacia Seminario pri Turismo (11 – 16.09.1985) en Pisanica. Poste li vizitis la urbojn Plovdiv, Gabrovo, Pazarĝik, Pleven kaj Sofio, kie li prelegis pri la E-elsendoj de Radio Polonia kaj pri metodikaj problemoj en la instruado de Esperanto. Lia programo estis plenplena je renkontiĝoj, vizitoj, prelegoj... La lastan tagon mi sukcesis kapti kaj starigi kelkajn demandojn pri lia ĵurnalista vivo kaj pri la laboro de E-redakcio de Radio Polonia.

– S-ro Pettyn, bonvolu rakonti al niaj legantoj kiel komenciĝis via ĵurnalista laboro kaj kiel ĝi evoluis?

– Mi povas konfesi, ke tute hazarde mi komencis ĵurnalistan laboron. En aprilo .1959 fondiĝis la E-redakcio de Radio Polonia. Tiutempe mi estis studento kaj en la E-movado – respondeculo pri instruado de Esperanto... Kvin tagojn post la disaŭdigo de la unua elsendo venis en la E-klubon Ada Sikorska kaj enmanigis al mi polan tekston kun peto, ke la sekvan tagon ĝi estu preta esperantlingve. Tutan nokton mi laboris kaj imagu mian miron, kiam la sekvan tagon mi vidis la korektitan tekston – eraro apud eraro! Post jaroj, jam kiel spertulo, mi denove prenis tiun tekston kaj preparis ĝin por unu horo!... Do, en 1959 mi komencis kunlabori al la redakcio. En 1961 mi ricevis mian diplomon de instruisto pri pola lingvo. Regule salajrata ĵurnalisto mi fariĝis en 1962. Longan tempon mi lernis la profesion. Dum ok jaroj mi estis estro de la finna redakcio: De tempo al tempo mi kunlaboris al la E-redakcio. Mi estis ankaŭ vicĉefredaktoro de la fremdlingvaj elsendoj por Eŭropo. En 1983 mi revenis en la E-redakcion kaj fariĝis ties estro.

**– Mi petas, diru kelkajn vortojn pri la laboro de la E-redakcio, pri la temoj de la elsendoj, pri la laborantaj personoj en ĝi. Ĉu ekzistas reciproka ligo elsendoj – aŭskultantoj?**

– La laboro de la E-redakcio estas varia kaj interesa. En 1968 aŭtune oni disponigis du pliajn elsendojn kaj hodiaŭ ĉiutage ni havas ses. La programo enhavas novaĵojn, komentariojn, intervjuojn, vastan panoramon de eventoj el la lando, kulturajn temojn. Ni faras 30-minutan literaturan elsendon, en kiu ĉefe partoprenas polaj verkistoj. La 25-minuta kultura magazino montras kiel la esperantistoj popularigas la kulturon tutmonde. La muzikaj magazinoj konatigas la publikon kun diversspeca Esperanta kaj ne-Esperanta muziko en daŭro de 15 – 20 minutoj. Sed la plej ŝatata estas la familia magazino... Kaj ni ĉiam enkondukas ŝanĝojn...

**Interese parolis A. Pettyn pri la rubriko „Kunredaktu la elsendon kun ni". La aŭskultantoj mem enkondukis scienc-teknikan rubrikon. Ĉiutage oni disaŭdigas diversajn sonraportojn kun elstaraj esperantistoj aŭ neesperantistoj. La radio-forumo estas speco de leterkesto, kiu faris veran revolucion. Oni elektas interesajn leterojn de aŭskultantoj, notas, rekte parolas surbaze de ili aŭ diskutas antaŭ la mikrofono. Venas ankaŭ gastoj de la radio-forumo – ĵurnalistoj, eksterlandanoj.**

– Mi volus ankaŭ mencii – aldonis s-ro Pettyn, – la nomon de unu el niaj kunlaborantoj, la finno Osmo Buller, kiu regule tradukas niajn E-elsendojn en fi-

nnan lingvon. tiumaniere popularigas nian laboron kaj venas nian aŭtoritaton. Emil Vockal el Vieno ricevis premion de pola kulturministro pro agado favore al pli vasta diskonigo de la pola kulturo. Kaj ne estas nur ili. En multaj E-kluboj tra la mondo oni organizas radio-vesperojn, kaj poste publikigas nacilingvajn tekstojn. Interesa fakto estas, ke en Vieno en la legejo de pola kulturcentro dufoje jare oni organizas polajn vesperojn, en kiuj partoprenas kolegoj el nia redakcio. Ni organizas diversajn konkursojn, en kiuj la ĉefa premio estas ĉiam senpaga ekskurso en Pollando. Pli ol 60 esperantistoj el multaj landoj dum la 26-jara periodo gajnis la premion.

**En la fino de nia konversacio s-ro Pettyn rakontis pri la kortuŝa celebrado de la 25-jara jubileo de la radakcio pasintjare.**

– En la tagoj de la jubileo, dum unu semajno ni ricevis pli ol 1000 leteroj. Venadis floroj, donacoj, eĉ ĉokoladoj. . . Estis televidraportoj, radio-elsendoj, intervjuoj pri nia agado. Tio estas vere granda propagando pri Esperanto. Kaj ankaŭ la ŝtato distingis nin per premio de unua grado pro popularigo de la pola kulturo eksterlande, donita de prezidanto de pola radio kaj televido.

Eble estos ankaŭ interese mencii, ke jam aperis du libroj kun tekstoj el literaturaj radio-elsendoj – „La kvarteto de Mendelsohn" de J. Ivaŝkieviĉ kaj „Vizito de prezidento" de Zaviejski.

**Mi dankis al s-ro Andrzej Pettyn pro lia afableco tiel detale priskribi la laboron de tiu vere mirinda redakcio kaj adiaŭis lin kun la bondeziro pri estontaj sukcesoj. Kaj kial mi nomis la redakcion „mirinda"? Ĉar tiun grandegan ĉiutagan prepar- kaj elsendlaboron faras 6 konstantaj laborantoj kaj 2 kunlaborantoj.**

**Mariana ELENOVA**

## LETERO-REĜUSTIGO

En „INTERNACIA ĴURNALISTO" 3/85 en raporto pri la Universala Kongreso en Augsburg oni laŭdas la kongresan kurieron „LA STROBILO". Dankon!

Sed, ho ve! Kia misprezento rilate la eldoninton: oni simple asertas, ke eldonis ĝin la gazetara servo sub gvido de s-ino Bormann. Tio estas strikte malvera. Sur ĉiu eldono de „LA STROBILO" oni graslitere povis legi „sub la aŭspicio de „MONATO" internacia magazino sendependa" kaj „internacia redakcio sub gvido de Stefan Maul, Thomas Bormann kaj Paul Peeraerts". Efektive estis sola „MONATO", kiu respondecis pri ĝi, neniel la gazetara servo. Ĵurnalista zorgemo certe decas al „INTERNACIA ĴURNALISTO" eĉ pli ol iu alia E-gazeto.

Stefan Maul,
ĉefredaktoro de
„MONATO"

## NOTO DE LA REDAKCIO DE „IĴ"

La aŭtoro de la publikigita en n-ro 3/1985 de „IĴ" raporto pri la 70-a UK de Esperanto en Augsburg ĉi-jare, pardonpetas s-ron Stefan Maul kaj liajn kunredakcianojn s-rojn Thomas Bormann kaj Paul Peeraerts pro la allasita de li misinformo, kiel vidate de la ĉi-supre publikigita letero-reĝustigo de s-ro Maul.

Estimplene, Donĉo Ĥitrov

# Ricevitaj esperantaĵoj

– **Interlingvistiko, esperantologio** – 252-paĝa artikolkolekto pri interesaj teoriaj problemoj, eldonaĵo de BEA, Sofio 1985. Kompilis kaj redaktis Violin Oljanov, recenzis Ĥristo Gorov.

– **Por plialtigo de la scienca nivelo de la kooperativaj agadoj** – 20-paĝa broŝuro pri la kooperativismo en PR Bulgario. Aŭtoroj: Nikola Vâlev kaj sc. k. Julija Delĉeva – Pejkova. Eldonaĵo de Centra Kooperativa Unuiĝo, Sofio 1985.

– **Esperanto en turismo** – bulteno de Monda Turismo, 20-paĝa, 1985.

– **Internacia Esperanto-Muzeo,** „Informilo" n-ro 139/1985, 14-paĝa, grandformata, ilustrita per humurdesegnaĵoj. Ĝi enhavas primuzeajn informojn, bibliografion, rubrikon „Tra la mondo" k. a. Estas ankaŭ informo pri Veterana Esperantista Klubo kun raporto pri ĝia kunveno en Aŭgsburgo kaj nomaro de novaliĝintaj membroj.

# el nia leterkesto

– **Ad. Pavljukovec, Minsk, USSR.** – Dankov pro Via letero. Baldaŭan resaniĝon!
– **J. Kalinov, Ruse, Bulgario.** – Ĉio ricevita. Tamen estas ankaŭ aliaj kunlaborantoj. Ne senesperiĝu, amiko.

---

La estraro de TEĴA atendas ankau aliajn proponojn kaj rekomendojn pri perfektigo de la Statuto de TEJA, kies projekton ni publikigis en n-ro 4/1984. Antaŭdankon!

---

**PRI LA KUNLABORADO AL „INTERNACIA ĴURNALISTO"**

Iuj kolegoj sendas al la redaktoroj informojn, sciigojn kaj aliajn materialojn, kiuj informas la redakcion pri la agado de E-societoj. Similajn korespondaĵojn oni devas sendi al sialandaj E-periodaĵoj.

La organo de nia Asocio interesiĝas precipe pri la laboro kaj vivo de la ĵurnalistaj TEĴA-sekcioj, pri ĵurnalismaj kaj similaj artikoloj kaj korespondaĵoj, vojaĝskizojn, humuraĵojn, fotojn.

La redakcio atendas ankaŭ materialojn pri organizaj problemoj de TEĴA kaj proponojn pri la enhavo kaj redaktado de „Internacia Ĵurnalisto". Ni atendas ankaŭ adresojn de aktivaj ĵurnalistoj-esperantistoj.